

# PENSEO

N-ro 287

sept. / 2015

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 26-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm


## Anteo (Ĉinujo)



### envio de purigisto

la bebo de belino ne rilatas al DoNoA mia
kaj la fermilon jupan mi ne povas tuŝi per la
  fingro.
tikle ŝi siajn krispajn harojn sur la nuko fene
  levas;
se la denaska haŭtmakulo estus nur pro mia
  pigro!

2012.11.29 - 2

### tio pasis kiel printempa songô

viro knabinon seksatencis;
ŝi lin akuzis ĉe la tribunalo.
juĝistoj la proceson studis dum sep tagoj;
ŝi ekkonsciis ke ŝin fikis la najbaro - en
  koŝmaro.

2012.11.30 - 12

### sento de armstrong

la luno imagata estas glata kaj graseta;
tra la muslino ja videblas suko sur fromaĝo.
kiam la realaj brakoj la surfacon tuŝas,
ĝi sentiĝas kiel nesto dorna jam senbirda.



2012.12. 1

### plantoj kaj homoj

plantoj ne havas siajn pensojn,
sed ja la branĉoj scias ombron aŭ sunlumon
  laŭnature.
homoj posedas tro da ismoj,
dum la piedoj ofte sekvas blindan fumon
  tromature.

2012.12. 3 - 14

## Mori (Usono)



### Muŝo kaj Reĝo

Muŝo eksidis sur l' nazo de reĝo
kaj diris al si; " jen bonega seĝo
ĉi tie estas taŭga por sidi
la tutan mondon de ĉi tie vidi"
sed la reĝo jam ĝenata de l' muŝo
provis forigi ĝin per eta tuŝo
l' muŝo tuj forsaltis de sur la nazo
kaj flugis al pli sekura sidbazo
la reĝo tuj ordonis al soldato
"Mortigu la muŝon per forta bato"
la soldato ĉiajn atakojn provis
sed murdi la muŝeton, li ne povis
finfine li ekkriis kun minaco
" tuj foriru el lia moŝta palaco"
la muŝo tuj respondis kun primoko
" lia moŝto estas bonega sidloko
mi sidas tie, kie mi deziras
kiam ajn mi volas, tiam mi foriras
mi estas muŝo, mi ne estas homo
reĝo ĉe ni estas kiel putra pomo
se ĉe homoj reĝo estas kiel Dio
ĉe muŝoj reĝo estas ja nenio

muŝoj ne estas kiel vi flatemuloj
ĉiuj egalas en l' muŝaj okuloj
muŝo ne lakeas, nek kisas manon
Por akiri sian ĉiutagan panon
poste l' muŝo flugis al l' reĝa kapo
sidiĝis sur lia moŝta ora ĉapo
tio al la reĝo estis malhonoro
de malĝojo pleniĝis lia koro
l ' reĝo tuj parolis pri hororo
kiun kaŭzis la muŝa teroro
kaj ankaŭ alarmis pri la danĝero
de teroro de muŝoj sur la tero
poste ordonis al sia generalo;



"Tuj zorgu pri kontraŭmuŝa batalo"
la general' tuj enpaŝis kun pistolo
dume l' muŝo moviĝis al lia kolo
la generalo al la muŝo ekpafis
lian moŝtan kolon, l' kuglo trafis
de l' pafo de tiu stulta persono
la reĝo mortis sur sia trono
la muŝo lerta post la reĝa morto
tuj forflugis al l' palaca korto
dume ĝi pripensis en la aero
"Homa stultec' estas pura vero
se al la reĝo ne mankus tolero
ne tiel finiĝus simpla afero!"

## Maria Nazaré Laroca (Brazilo)



## Uranio

La Poezio silente dancas
ĉe l' infinit' de l'eterna estant';
kaj pri Urani' Poeto songâs:
ŝi per flug' al univers' lin gvidas.

Tiam li vidas, ke brilas Ter':
vesperstel' sur la ĉiel' de Mars',
malgraŭ ke tiel malgrandas homar'...

Kaj salutas li la Forton, kiu subtenas
kaj movas ĉiujn sunojn en la kosmo;
Ĝi, kiu estas la sama flamo, kiu animas
lian korpon dum pilgrimanta iro!



Juiz de Fora, 12/06/2015.

## Mia korpo

Mia animo vestis sin per korpo,
kiu permesas al mi esti en la mondo,
areno de senfinaj sonĝoj
paŝtitaj de mi sentime.

(La veston materio teksas
el nevideblaj molekuloj,
kiuj renovigataj ne sin tuŝas...)

Gvidante tian boaton,
aŭ templon el lum' kondensita,
mi laŭgrade konstruadas
mian humanecon dian.

**Poemo surbaze de ĵurnala raporto verkita de Silas Martí pri la tiel nomata Trans-avangardo (Silas Martí. C4 Folha de S.Paulo, 14/06/2015).*

*"Dum transseksaj tempoj, famuloj, plastikartistoj, transformas la korpojn per hormonoj kaj radikalaj agoj, pridiskutante la genrojn."* *Juiz de Fora, 16/06/2015.*

## Paŭlo Silas (Brazilo)



## KIE ESTAS LA OPTIMISTOJ?

Mi estos optimisma, ĉar facilas...
Sur sama tem' mi bele plu rondiras.

Dolĉetajn poemetojn pri revemo
Mi verkos por elmontri la sintenon
De bonkonduta knab' esperantista.
Ho, grandan dankon pro l' konsil' decida!
Sendube pravas vi per vort' admona.
Mi dankos eĉ per tiu rim' plensona!
Agnosko plej humila min nun trafis.
Pardonu se antaŭe mi prifajfis.
Junul' ekzemplodona mi fariĝos.
Per laŭd' al antaŭuloj ni feliĉos.
En verda sekt-konkordo mikromonda,
Ni dancos kaj balaos perkonfrontan
Klopodon trovi veron sublinian.
Donacas plensonecon mi alian.
Ĉu notis vi disigon de l' a-vorto?
Jes, nune mi deziras nur konkordon!
Se ĝi la homan tiras familion,
Min tiras bel' de l' rev' de l' Papili-hom',
Sur kies ŝultroj batas du flugiloj:
Persist' kaj senĝeneco de martiroj.
Ho, poemverkistino famkonata,
Ne zorgu pri poeta lud' teatra.
Ho, super-estimataj recenzistoj,
Eterne dormu vi sur ĝustaj litoj:
Komfort' florornamita respektplene.
Sincere mi honoros: rekvieme!
Sed, jes ja, mi parolas optimisme.
Neniam ripetiĝos tiu mis', ne!
Bongustajn perfektaĵojn mi prikantos.
Ekstazajn versojn lerte mi skandos:
Malsat' infanojn murdas tra la mondo.
Brilegas optimism' en horizonto!
Dum kreskas la financa kataklismo;
En bal', kokete dancas optimismo.
[Denove rimo statas pli perfekta
Ol romantika optimism' koketa.]

Optima optimisto optimismas
Eĉ se la vortfarad' neologismas.

— Minacas regi min la plensoneco.
Mi bone lernas l' optimisman decon.
— Trompulo! N-finaĵon vi enmetis
En rimon, kiu preskaŭ plenperfektis.
— Aĥ! Plena splen' plenplenas dum mi penas
Neŭtrala resti... Ve! Min vi venenas!

— Silentu! Nin la Majstro kaŝaŭskultas.
*"Ĉu daŭre religie vi min kultas?"*
— Hej! Kia mistera senkorpa voĉo!
*"Ankoraŭ mi atendas finan sorĉon..."*
— Ha! Estas li sorĉisto el transvivo.
— Ne... Nura optimismo kaj naivo.

## Cezar (Germanujo)



### Ne ŝovu vian nazon...

Ne ŝovu vian nazon
en iun fremdan vazon,
respektu privatecon,
elektu ĉiam decon.

Se vi spionas homojn
kaj orelumas domojn,
vi estas sen respekto
pro kruda decneglekto.

Ne estu fi-scivola
eĉ tute libervola.
Do for de fremda vazo
per tro scivola nazo.

* *Verkita laŭ proverbo de Zamenhof.*

### Se ne estus sed kaj tamen...

Se ne estus monde valoj,
montoj mankus, akvofaloj.
Mi la montojn tial ŝatas,
sed al valoj same fratas.

Se ne estus blasfemio,
ne ekzistus kara Dio,
eklezio eĉ ne estus,
kaj ni sen infero restus.

Se ne estus laboristoj,
kie estus varvendistoj?

Eĉ plu vivos laboristoj,
se jam mankos kontrolistoj.

Se ne estus Sun' kaj sfero,
ne moviĝus nia Tero.
Kaj ni sekve ne ekzistus,
el nenio nur konsistus.

Se ne estus sed kaj tamen,
mi al ĉio dirus amen,
sed ĉar tiuj ja ekzistas,
mi sen amen plu rezistas.

## Siv Burell (Svedio)



### Virinoj portas kulturon

Kulturon portas virinoj,
ili legas kaj studas lingvojn.
Eksterlanden iris inoj,
ĝuas kulturon kaj spektas bildojn.

En la Ruĝa Kruco ja laboras
la virinoj sen monpag'.
La korpon ekzercigas ili, tagon post tag'.

En teatro oni ilin trovas,
post sidante en kafejoj.
Ankaŭ pri genepoj povas
ili zorgi, gardante en ludejoj.



*pentraĵo de la aŭtorino*

## Yue Fei（1103—1142）

—Laŭ melodio ***Ruĝas la Plena Rivero***
Miaj haroj levis ĉapon en kolero.
Mi vidas ĉe balustrado
ke ĉesiĝis pluvŝutado.
Mi alten levis okulojn,
longe fajfis al ĉielo
sub la ambicio-pelo.
Kiel polvoj miaj meritoj en tridek jaroj,
fonditaj tra okmil lioj sub lun' post nubaroj.
Ne lasu vin per griziĝ' turmenti,
kaj nur vane senhelpe lamenti.

Forkapto de niaj reĝoj —
jen honteg' de imperio!
Kiel do ni generaloj
povus for de venĝkonscio?
Ni konduku militĉarojn
detrui montajn remparojn.
En malsato ni manĝu karnon de malamikoj,
ridante trinku sangon de hunoj dum piknikoj.
Kiam ni reprenis perditan teritorion,
per nova triumfo ni gloru nian Patrion!



—laŭ melodio ***Xiaochongshan*** (Malgranda Montvico)

Lastnokte ĉirpis cikadoj senĉese,
vekinte min el sonĝ' malbona.
Aŭtun' noktmeze.
Leviĝis mi kaj laŭ perono ŝtona
iris silente.
Ekster kurteno brilas lun' krescente.

Griziĝis miaj haroj,
pro lukt' de multaj jaroj.
Bambuoj kaj pinoj en olda aĝo
malhelpis min al revena vojaĝo.
Mi volas verŝi koron per liuto,
sed mankas al mi komprenantoj
kiuj konas pri miaj kantoj.

*Tradukis*



## Guozhu (Ĉinujo)

2015-08-1

## Cruz e Souza (1861-1898)



# Rememoro

Estis ĉi tie, sub ĉi arbareto,
sub ĉi milda lazura horizonto,
apud ĉi malgrandeta klara fonto
en kur' mumura kun nia sekreto...

En la memor' viglas la malkvieto
de hirundoj re kaj reen, la ponto,
kaj, transe, la rokaro de la monto
batata de la tuta marimpeto.

Ankoraŭ freŝas l' impres' de l' pejzaĝo,
la ĉirkaŭa tono, kvazaŭmiraĝo,
de l' folioj, de l' tuta landa raro.

Je l' ĝusta horo la taglum' ekmortis...
Estis ĉi tie ke al ter' vi portis,
en la okuloj, l' povon de stelaro.

* *Cruz e Souza estas brazila poeto simbolisma.*

*Tradukis*



**Ŭel Roŝa (Brazilo)**

## Zhuangzi (369-286 a.K)



# Zhuangzi

## ĈAPITRO KVARA

# Tiu ĉi homa mondo

§04-01

Yan Hui iris viziti Konfuceon kaj petis forpermeson por fari longan vojaĝon.

"Kien vi iros?" demandis la Majstro.

"Mi vojaĝos al la regno Wei," estis la respondo.

"Kaj kion vi intencas fari tie?" daŭrigis Konfuceo.

"Mi aŭdis," respondis Yan Hui, "ke la princo de la regno Wei estas en forta aĝo kaj kondutas arogante. Li arbitre kaj facilanime kondukas la regnajn aferojn kaj estas blinda pri siaj kulpoj. Li neglektas la vivon kaj la morton de la popolo, tiel ke homaj kadavroj kuŝas ĉie kiel densaj herboj en la marĉoj. La popolo ne scias, kiel ili povas sin savi. Mi iam aŭdis vin diri: 'Forlasu la regnon, kiu estas en bona ordo, kaj iru al la regno, kiu estas en malbona ordo. La bona kuracisto ja plejofte estas vizitata de pacientoj. Mi ŝatus meti vian instruon en praktikon kaj volus fari ion bonan al la regno Wei."

"Nu," diris Konfuceo, "sed mi timas, ke vi pereos, se vi iros tien. La Taŭo devas esti tenata senkonfuza; alie estiĝos tro da aferoj prizorgendaj, kiuj kondukos al konfuzo, kaj poste al maltrankvilego kaj fine al pereo. En la antikveco la saĝuloj devis perfektigi sin per la Taŭo, antaŭ ol helpi aliajn per ĝi. Nun ke via karaktero estas ankoraŭ ne fortikigita per la Taŭo, kiel do vi povus iri tien por plibonigi la konduton de tiu tirano?

"Cetere, ĉu vi scias, kial la virto estas makulita kaj kial la saĝo estas mise elmontrita? La virto estas makulita pro ĉaso de famo; la saĝo estas mise elmontrita pro disputemo. Oni batalas unu kontraŭ la alia por akiri al si bonan famon uzante sian saĝon. La famo kaj la saĝo ambaŭ povas esti malbonaj iloj; ili ne estas io blinde strebinda.

"Plie, povas esti, ke oni ne ŝatos vian altan virton kaj profundan sincerecon, nek komprenos vian indiferentecon por famo. Prediki humanecon, justecon kaj moralecon

antaŭ tirano estos fiere elmontri sian bonecon kontraste al lia malboneco. Tio estas nomata ‘vundo al aliaj’. Tiu, kiu vundas aliajn, mem nepre estos vundita. Kiel do vi povos eviti vundiĝon!

“Krome, se la princo de Wei ŝatas bonulojn kaj malŝatas malbonulojn, kial do li bezonas atendi, ĝis li trovos vin? Estos preferinde por vi gardi la silenton, ĉar, se vi parolos, la princo certe kaptos ĉiun okazon por venki vin en la argumentado. Tiam vi sentos vin konfuzita, sed vi devos ŝajnigi trankvilecon kaj peni vin pravigi. Fine, kun cedema mieno, vi estos devigita alkonformigi vin al lia opinio. Tio egalos aldoni fajron al la flamoj kaj aldoni akvon al la inundo — ago helpi al malbonoj. Se vi komencos per cedoj, tiam estos nenia fino de tio. Se vi donos foj-refojan admonadon dum vi ne estos fidata, vi certe estos mortigita kiel viktimo de tiraneco.

“En la antikveco la reĝo Jie de la dinastio Xia mortigis Guan Longfeng; la reĝo Zhou de la dinastio Shang mortigis sian onklon Bi Gan. La du viktimoj ambaŭ estis virtuloj, kiuj zorgis pri la bono de la popolo kaj tiel ofendis ĉiu sian sinjoron. Ili estis persekutitaj pro sia virteco, pro sia ĉaso de famo.

“En la antikveco la reĝo Yao atakis la tribojn Congzhi kaj Xu’ao; la reĝo Yu atakis la tribon Youhu. La landoj de tiuj triboj dezertiĝis kaj iliaj regantoj estis mortigitaj pro tio, ke ili senĉese militadis por ĉaso de famo kaj profito. Ĉu vi ne iam aŭdis pri ĉio ĉi tio? Sciu, ke eĉ la saĝuloj ne povas rezisti al la tentoj de famo kaj profito, por ne paroli pri vi!

“Sed vi tamen estas certa pri via sukceso. Vi devas havi ian ideon en via menso. Do diru ĝin al mi.”

“Kion do vi opinias pri tio, se mi restos honesta kaj modesta kaj laboros diligente kaj persiste?” respondis Yan Hui.

“Ho ne!” diris Konfuceo. “Tio ne helpos. La princo de Wei estas tiel obstina kaj aroganta, tiel kaprica en la humoro, ke la ordinarulo tute ne kuraĝas lin malobei. Li subpremas alies sentojn kaj malsamajn opiniojn por kontentigi siajn dezirojn. Tia homo estas neniel plibonigita per ĉiutaga akumulado de etaj virtoj; kiel do vi povos esperi, ke li akceptos grandajn virtojn? Li obstine tenos sin je siaj manieroj kaj, eĉ se li montros iajn signojn de konsento, interne li faros nenian memekzamenon. Kiel do vi penos lin plibonigi tiuokaze?”

“Tiam,” respondis Yan Hui, “mi estos interne honesta kaj ekstere cedema, sekvante la antikvajn kutimojn. Esti interne honesta signifas sekvi la manierojn de la Ĉielo. Sekvi la manierojn de la Ĉielo signifas konscii, ke la princo kaj mi estas egale la filoj de la Ĉielo. Se estas tiel, kial do mi devus esperi, ke oni aprobos aŭ malaprobos miajn vortojn? Se mi estos tia homo, mi estos nomata “senkulpa infano”, kiu sekvas la manierojn de la Ĉielo. Esti ekstere cedema signifas sekvi la manierojn de la mondo. Genuiĝi aŭ riverenci kun tabuleto en la manoj estas la kortega etiketo de ministroj. Ĉar tio estas la komuna kutimo, kiel do mi kuraĝas esti escepto? Se mi agos kiel la aliaj, neniu faros riproĉon al mi, kiu sekvos la manierojn de la mondo. Sekvante la antikvajn kutimojn signifas sekvi la ekzemplojn de antikvaj saĝuloj. Kvankam miaj vortoj estas instruaj kaj kritikaj, tamen ili estas la vortoj de antikvuloj, ne la miaj. Tiel agante mi povos esti honesta sen altiri riproĉojn sur min, kiu sekvos la ekzemplojn de antikvuloj. Kion do vi opinias pri tia agmaniero mia?”

“Ho ne,” respondis Konfuceo, “tio estos neniel farebla! Kun tiom da aferoj ĝustigendaj, vi ne povos dece agi en ĉiu okazo. Vi povos resti honesta kaj senriproĉa, sed tio estos nur ĉio, kion vi povos fari. Kiel do vi povos esperi, ke vi influos kaj reformos la princon! Ŝajnas, ke vi ankoraŭ tro rigide tenas vin je via opinio.”

"Mi havas neniun pli bonan manieron," diris Yan Hui. "Ĉu mi povus permesi al mi peti de vi konsilon?"

"Fastu, kaj mi diros al vi," diris Konfuceo. "Ĉu vi opinias facila atingi mondecajn celojn? Se vi havas tian opinion, la brila Ĉielo ĝin malaprobos."

"Mia familio estas malriĉa," respondis Yan Hui, "kaj de pluraj monatoj mi tuŝas nek brandon, nek viandon. Ĉu tio povas esti konsiderata kiel fastado?"

"Tio estas fastado antaŭ ofera ceremonio," respondis Konfuceo, "ne la fastado de la koro."

"Kaj ĉu mi povus demandi," diris Yan Hui, " kio do estas la fastado de la koro?"

"Koncentru vian atenton. Aŭskultu ne per viaj oreloj, sed per via menso; komprenu ne per via menso, sed per via vitala energio. Viaj oreloj povas nur aŭskulti kaj via menso povas nur kompreni. Sed la vitala energio estas malpleno, kiu estas interagema kun ĉio ekstera. Nur la potenca Taŭo povas kolektiĝi en la malpleno kaj tiu malpleno estas la fastado de la koro."

"Nu," diris Yan Hui, "jen kial mi ĉiam havis la konscion pri mi mem antaŭ ol mi aŭdis vian instruon pri la korfastado. Nun ke mi jam lernis tion, mi ne plu havas la konscion pri mi mem. Ĉu tio povas esti nomata malpleno?"

"Absolute prave!" respondis la Majstro. "Lasu al mi klarigi al vi. Kiam vi servos al la princo de Wei, ne estu regata de la deziro je la famo. Se li aŭskultos vin, vi povos eldiri viajn opiniojn; se ne, vi prefere silentu. Ne penu trovi okazojn por esti promociita. Vivu en perfekta paco kun ĉio, kio okazas. Tiam vi estos proksima al la korfastado. Estas facile deteni vin de paŝado, sed malfacile lasi neniajn postesignojn dum via paŝado. Estas facile preni al vi falsan aspekton en via traktado kun homoj, sed malfacile en via traktado kun la Ĉielo. Mi aŭdis nur pri flugado per flugiloj, sed neniam pri flugado sen flugiloj. Mi aŭdis pri saĝuloj kun scioj, sed neniam pri saĝuloj sen scioj. Se vi rigardas ĉion kiel malplenon, via malplena menso estos pura kaj simpla, kie vi trovos bonŝancon kaj feliĉon. Alie, via menso galopos, eĉ se vi sidos senmove. Lasu viajn okulojn kaj orelojn komunikiĝantaj internen kaj viajn konscion kaj sciadon baritaj, tiam eĉ fantomoj kaj spiritoj vivos kun vi, por ne paroli pri homoj! Tio estas la metodo por transformi ĉiujn aferojn en la mondo, la ŝlosilo de sukceso de Yao kaj Shun, la sekreta metodo dumvive sekvata de la reĝoj Fuxi kaj Jiqu (Yao, Shun, Fuxi kaj Jiqu: legendaj saĝaj reĝoj en la pratempo — trad.). Kiel multe pli utila ĝi devus esti por la ordinaruloj!"



*Elĉinigis*



**Wang Chongfang**

**(Ĉinujo)**

# Ĉineske

## Rebeca Senfamilia (Usono)

## Tie ĉi malbone

—laŭ ĉinesko Dekses-Silabo*

vir'
rigardanta kun dezir'
ne scias,

ke mi estas kvir'.**

ĉi
kaŝo gardas min (defi'
malsimpla)
de la transfobi'.***

mal'
de la beno de vual':
post lerno
pri sana detal',

ĉu
tia ĉi individu'
ĝentila
afablados plu,

aŭ
ĉu mi, pro bola baldaŭ'
forkuru
al la malantaŭ'?

*ĉina fiksforma poemo el 1,7,35 silaboj kun rimaranĝo a,a,xa (x=senrima)

**kviro: kvir estas iom neologisma radiko, ne inventita de mi, konsiderata pli mallonga ol "apartenanta al la komunumo de gejoj, lesboj, ambaŭseksemuloj, transseksuloj, ktp" kaj malpli konfuza ol "GLATa". laŭ mi la radiko estus "kvir/a", kaj "kviro" estus poezia simpligo de "kvirulo".

***transfobio: malamo kaj/aŭ neracia timego de transseksuloj. Komparu "homofobio".

## Jadranka Miric (Serbujo)



### Estis skribite en la steloj

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*
Ekiĝis
meteora pluvo.
Vere ploris ĉielo.
Belas kosma ĉi pruvo
pri la stel' pluvo.

Science,
facilklariga
kosma okazaĵ' ekis
pro aer' haladziga.
La ĝu' maliga.

Falanta
stelo brilas, ve.
Laŭkrede mortis iu
al vi kara. Persone,
ĉu mi kredas? Ne.

Brilas stel'
alte sur ĉielo
por florigi imagon
de poet'. Jen, mielo
de stelabelo.

Videblis
rozkolorita
stelo kaj luna disko.
Brilo jen disĵetita
mire lumita.

## Lily (Ĉinujo)

### Efemera pasi'

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*
Ni longe
ludis jen en lit'
buŝ-al-buŝe, korp' kun korp',
kaj jam ekardis ekscit'
kun seks-apetit'.

Li ĝeme
erektiĝis jen
sed duondura mole,
preta por amor-festen'
per kaca promen'.

Konsciis
malfortecon mi,
kaj mi knedadis vigle
kaj forte ĝin pli kaj pli

por seksa ebri'.

Subvoĉe
li kriis ĝoje
kaj l' kaco jam malmole
serĉe palpis dumvoje
piĉon fojfoje.

Kredeble
mi jame ĉe l' rand'
de paroksismo staris.
Mi volis lin per kac-plant'
gasti por am-frand'.

Tujtuje
ĝi molis morte
kaj haltis ĉe l' apertur'
langvore kaj malforte
amor-aborte.

Terure
mi en desapont'
dronis jen ĝis ekstremo,
kun amor-avida ond'
falanta ĝis hont'.

Pardonon
li petis kun pi'
de mi kun ruĝaj vangoj
en tono de agoni'.
Ba, kia pasi'!

*ĉina fiksforma poemo el 35,77,5 silaboj kun rimaranĝo xa,xa,a (x=senrima)

## Claude FARRÈRE (1876-1957)



# LA VESPERMANĜO DE LA BUSTOJ

**(1)**

*Pri tiuj tri kunuloj, unu Ĉino, unu Malagaso kaj unu Sudanano, eksplikas konfidence Dora, mi konas nek iliajn verajn nomojn, nek iliajn aĝojn, kaj cetere neniu konas tion en Tulono. Estas mirinda vidi ilin ĉi tie… Ili estas de Mourillon[1], el la vera Mourillon… Ili estas eks-kapitanoj de la kolonia militistaro. Ĉiuj kvar jaroj ili vivas dum tri jaroj tie for, ĉiu en sia respektiva lando, en Ĉinio, Madagaskaro, Sudano, kaj la kvara ili flegas sian hepaton ĉe la marbordo varmiĝante sub la suno, en la ĝardeneto de somerdomo… Pri ili oni diras: « Ili vivas tie ĉi same kiel ĉe la sovaĝuloj… ili sovaĝe manĝas… fine, ĉio!... »*

*Claude FARRÈRE*
*La Etaj Aliancaninoj*

La ŝipestro Mikelo havis plu nur unu brakon, kiun li utilis por fumi sian pipon. Li estis maljuna hardita maristo, kiun mi konis samtempe kvar aliajn harditajn maristojn, iun vesperon, dum la aperitivo sur la teraso de drinkejo de la malnova Baseno, en Tulono. Tiele ni kutimis kunveni ĉirkaŭ subtasoj, je du paŝoj de la plaŭdanta akvo kaj la dancantaj etaj barkoj, je la horo kiam la suno subiras en la direkto de Tamaris[2].

La kvar maljunaj harditaj maristoj kromnomiĝis Kaprusto, Doro (kapitano Doro), Bagatelo kaj Kamploko (tiu brava Kamploko).

Kompreneble ili ŝipveturis sur ĉiuj maroj, konis mil aventurojn, kaj nun kiel emiritoj ili pasigis la tempon rakontante unu al aliaj terurajn historiojn!

Nur la ŝipestro Mikelo neniam rakontis ion. Kaj ĉar li tute ne ŝajnis mirigita, pro kion li aŭdis, tiu sinteno fine incitegis la aliulojn, kiuj diris al li:

– Nu! Kapitano Mikelo, ĉu do vi neniam travivis terurajn historiojn?

– Jes ja, respondis la ŝipestro eltirante sian pipon el la buŝo. Jes ja, okazis al mi unu… ununura!

– Nu! Rakontu ĝin al ni.

– Ne!

– Kial?
– Ĉar ĝi estas tro horora. Vi ne sukcesos aŭdi ĝin. Mi jam provis rakonti ĝin plurfoje, sed ĉiuj foriris antaŭ la fino.

La kvar aliaj maljunaj harditaj maristoj rideksplodis vete kaj deklaris, ke la ŝipestro Mikelo serĉis pretekston por nenion rakonti al ili, ĉar fakte tute nenio okazis al li.

Mikelo rigardis ilin dum momento, poste sin decidante subite, li demetis sian pipon sur la tablon. Tiu malofta gesto mem jam estis timigega.

– Sinjoroj, li ekis, mi tuj rakontos al vi, kiel mi perdis mian brakon.

«En tiu epoko – tio okazis antaŭ unu dudeko da jaroj – mi posedis en Mourillon etan somerdomon, kiun mi heredis, ĉar mia familio longatempe loĝis en tiu lando, kaj mi mem naskiĝis tie. Plaĉis al mi inter du altmaraj vojaĝoj, iom mi ripozis en tiu dometo. Cetere mi ŝatis tiun kvartalon, kie mi pace vivis en la malmulte embarasa najbareco de maruloj kaj kolonianoj, kiujn oni malofte ekvidis, tiom ili estis plejofte okupitaj fumi trankvile opion kun siaj koramikinoj, aŭ ankoraŭ per aliaj taskoj, kiuj ne rigardis min… Sed, ĉu ne? Ĉiu havas siajn kutimojn, kaj ĉiam kiam ili ne perturbas la miajn, persone estas ĉio, kion mi petas…

«Ĝuste, iun nokton oni perturbis la kutimon, kiun mi havis dormi. Stranga tumulto de la naturo, pri kiu ne eblis al mi ekkompreni la kaŭzon, subite vekis min. Mia fenestro, kiel kutime, estis malfermita; mi aŭskultis tute hebeta specon de mirindega bruo, kiu sonoris inter la tondra rulbruo kaj la tamburado, sed el kia tamburo! Oni estus kredinta furiozan batadon de ducent frapiloj tute ne sur azenohaŭto, sed sur tamburo el ligno…

«Kaj tio devenis el la aliaflanka somerdomo, kiu estis ne loĝita jam de kvin jaroj, kaj sur kiu mi antaŭtage rimarkis la anonctabuleton: “Por vendi!”

«De la fenestro de mia dormoĉambro lokita ĉe la unua etaĝo, mia rigardo povis malkovri super la muro de la ĝardeneto, kiu ĉirkaŭis tiun somerdomon, ĉiujn pordojn kaj fenestrojn, eĉ tiujn de la teretaĝo. Ĉiuj estis ankoraŭ fermitaj, kiel mi vidis ilin dum la tago. Tamen tra la interspacetoj de la teretaĝaj ŝutroj mi rimarkis lumon. Kiu do, kiuj uloj eniĝis en tiun izolan loĝejon ĉe la ekstremo de Mourillon, kia societo penetris en tiun forlasitan bienon, kaj por efektivigi tie kian sabatorgion?

«La stranga tondrobruo de tamburo el ligno ne ĉesis. Ĝi daŭrigis ankoraŭ almenaŭ dum unu horo, kaj poste ĉar baldaŭ tagiĝis, la pordo de la somerdomo malfermiĝis, kaj staranta sur la sojlo aperis la plej gracia kreitaĵo, kiun mi neniam vidis dum mia tuta vivo. Ŝi surmetis vespertualeton, kaj per perfekta gracio ŝi tenis lampon, kies lumo radiigis ŝiajn ŝultrojn de diino. Ŝi bele kaj trankvile ridetis, dum ŝi diris tiujn vortojn, kiujn mi perfekte aŭdis en la sonora nokto: “Ĝis revido, kara amiko, ĝis la venonta jaro!…”

«Sed al kiu ŝi diris tion? Ne eblis al mi tion ekscii, ĉar mi vidis neniun apud ŝi. Ŝi restis sur la sojlo kun sia lampo ankoraŭ dum kelkaj momentoj, ĝis kiam la pordo de la ĝardeno malfermiĝis tute sola kaj refermiĝis tute sola ankaŭ. Poste la pordo de la somerdomo siavice estis fermita, kaj nenion mi vidis plu.

«Mi kredis, ke mi freneziĝis aŭ mi sonĝis, ĉar mi perfekte konsciis pri la neebleco, ke ulo trapasu la ĝardenon, sen ke mi povu ekvidi lin! Mi estis ankoraŭ tie, staranta antaŭ mia fenestro, nekapabla moviĝi aŭ pensi, kiam la pordo de la somerdomo malfermiĝis denove, kaj la sama radia kreataĵo aperis, ĉiam kun sia lampo, kaj ĉiam sola: “ Ŝŝ! Ŝi diris, silentu ĉiuj!... Necesas ne veki la najbaron de la domo de kontraŭe… Mi tuj akompanos vin.”

«Senbrua kaj sola, ŝi trapasis la ĝardenon, haltis ĉe la pordo, kiun la lampo plene lumigis, tiel bone, ke mi distingeble vidis la pordobutonon turni per ĝi mem sen nenia

agado de mano. Fine, la pordo malfermiĝis ankoraŭ unufoje tute sola antaŭ tiu virino, kiu cetere elmontris nenian miron pro tio. Ĉu mi bezonas aldiri, ke mi estis lokita tiamaniere, ke mi povis vidi antaŭ kaj malantaŭ tiun pordon? Tio estas, ke mi oblikve vidis ĝin.

«La belega aperaĵo faris ĉarman kapsignon al la nenieca nokto, kiun iluminis la blinduma lumo de la lampo; poste ŝi ridetis kaj diris ankoraŭ: "Nu! Ĝis revido! Ĝis la venonta jaro… Mia edzo estas ja kontenta. Eĉ unu el vi ne mankis al la alvoko… Adiaŭ, sinjoroj!"

«Tuj mi aŭdis plurajn voĉojn, kiuj respondis: "Adiaŭ, sinjorino!… Adiaŭ, kara sinjorino!… Ĝis la venonta jaro…"

«Kaj ĉar la mistera gastigantino pretiĝis mem fermi la pordon, mi ankoraŭ aŭdis: "Mi vin petas, ne klopodu!"

«Kaj la pordo refermiĝis ankoraŭ per ĝi mem. Dum momento bizara bruo plenigis la atmosferon, kvazaŭ pepado de birdaro… kvivit!... kvivit!... tio estis, kiel se tiu bela virino ĵus malfermis ĝian kaĝon al tuta idaro de liberaj paseroj.

«Ŝi trankvile rehejmiĝis. La lumoj de la teretaĝo estingiĝis, sed nun mi ekvidis lumeton ĉe la fenestroj de la unua etaĝo. Alvenante en la somerdomon, la sinjorino diris: "Ĉu vi jam supreniris, Gerardo?"

«Mi ne aŭdis la respondon, sed la pordo de la somerdomo estis denove refermita… Kelkaj momentoj pli malfrue la lumeto de la unua etaĝo estingiĝis ankaŭ. Je la oka matene mi estis ankoraŭ tie, ĉe mia fenestro, stulte rigardante tiun ĝardenon kaj tiun somerdomon, kiujn vidigis al mi tiom strangajn aferojn en la tenebro, kaj kiuj nun en la blinduma taglumo prezentiĝis al mi sub ilia kutima aspekto. La ĝardeno estis senhoma, kaj la somerdomo aperis tute same forlasita kiel la antaŭtago. Tiel ke kiam mi informis mian maljunan mastrumistinon, kiu ĵus alvenis, pri la bizaraj eventoj, kiujn mi ĵus travivis, ŝi frapis al si la frunton per sia malpura montrofingro kaj deklaris, ke mi fumis troan pipon. Nu, opion mi neniam fumas, kaj tiu respondo estis la definitiva motivo, por kiu mi forpelis tiun maljunan servistinaĉon, kiu finfine nur venis malpurigi mian mastrumaĵon dum du horoj ĉiutage, kaj pri kiu mi volis jam de longatempe malembarasi min. Cetere, mi ne bezonis plu servistinon, ĉar mi tuj reeknavigos ekde la posta tago.

«Mi nur havis tempon por fari mian pakaĵon, kelkajn komisiojn, adiaŭi miajn amikojn kaj trajne veturi al Havro, kie nova dungado kun la Transatlantiko malproksimigos min de Tulono por daŭro de dek unu aŭ dek du monatoj.

«Kiam mi revenis en mian dometon de Mourillon, mi ne parolis pri mia aventuro al iu, sed mi ne ĉesis, eĉ dum unu momento, pensi pri ĝi. La aperaĵo de la sinjorino kunportante lampon obsedis min ĉie, kaj la lastaj paroloj, kiujn ŝi alparolis al siaj nevideblaj amikoj, ne ĉesis resoni en miaj oreloj.

«– Nu! Ĝis revido! Ĝis la venonta jaro!

«Mi pensis nur pri tiu rendevuo. Mi decidis, ke mi ankaŭ ĉeestos al tiu kunveno, kaj mi malkovros je kia ajn risko la ŝlosilon de tiu mistero, kiu scivoligis ĝis la frenezo honestan cerbon kiel la mia, kiu tamen kredis nek pri la reaperantoj, nek pri la historioj de fantomaj ŝipoj.

«Ve! Mi devis baldaŭ malkovri, ke nek la ĉielo, nek la infero estis por io en tiu terurega historio.

«Estis la sesa vespere, kiam mi eniris en mian somerdomon de Mourillon. Tio okazis la antaŭhieraŭa tago de la datreveno de la stranga nokto.

«La unua afero, kiun mi faris enirinte hejmen, estis kuri ĝis la fenestro de la unua etaĝo kaj malfermis ĝin. Mi tuj ekvidis (ĉar estis somere kaj taglumis) virinon de granda beleco, kiu trankvile promenis en la ĝardeno de la somerdomo de kontraŭe, plukante florojn. Pro la bruo kiun mi faris, ŝi levis la okulojn. Ŝi ja

estis la sinjorino kunportinta lampo! Mi rekonis ŝin, ŝi estis tiel bela tage kiel nokte. Ŝia haŭto estis tiel blanka, kiel la dentoj de nigrulo el Kongio, ŝiaj okuloj estis pli bluaj ol la rodo de Tamaris, kaj ŝia blonda hararo, milda kiel la plej fajna stupo! Kial mi ne konfesus tion? Ekvidante tiun virinon, pri kiu mi revis jam de unu jaro, mia koro estis tute emociegita. Ha! Ŝi ne estis iluziaĵo de mia malsana imago! Ŝi ja estis tie antaŭ mi, kun karno kaj ostoj! Malantaŭ ŝi, ĉiuj fenestroj de la malgranda somerdomo estis malfermitaj, florumitaj per ŝiaj zorgoj. En la tuto, nenio estis fantasta.

«Ŝi do ekvidis min, kaj pro tio ŝi tuj elmontris malplezuron. Dum momento ŝi daŭrigis paŝi en la meza aleo de sia ĝardeneto, kaj ŝultrotirante kiel ŝi estis ĉagrenita, ŝi diris: "Ni eniru, Gerardo!… Ni ekas sensi la vesperan freŝecon…"

«Mi rigardis ĉien en la ĝardeno. Neniu! Al kiu ŝi parolis? Al neniu!... Tiam ĉu ŝi estis freneza? Ĉiuokaze, ŝi ne multe aspektis tiel! Mi vidis ŝin aldirekti al sia domo. Ŝi trapasis la sojlon, la pordo refermiĝis, kaj senprokraste ŝi mem fermis ĉiujn fenestrojn. Mi ne vidis kaj ne aŭdis ion, kiu aspektis stranga dum tiu nokto. La postan tagon matene je la deka, mi ekvidis mian najbarinon, kiu surmetinte siajn urbajn vestojn trapasis sian ĝardenon. Ŝi ŝlosis la pordon, kaj tuj ŝi uzis la vojon al Tulono. Miavice mi decidis uzi tiun vojon, kaj de malproksime mi sekvis ŝin. Ĉe la unua provizisto, kiun mi renkontis, mi montris al li la elegantan silueton kaj demandis al li, ĉu li konis la nomon de tiu virino. Li respondis: "Sed perfekte, ŝi estas via najbarino, ŝi loĝas kun sia edzo en la somerdomo Makoko. Ili instaliĝis tie antaŭ unu jaro, en la momento kiam vi foriris. Ili vivas kiel sovaĝuloj; neniam ili alparolas iun, krom por la strikaj necesaĵoj. Sed vi scias, en Mourillon, ĉiu vivas laŭ sia volo, kaj oni miras pri nenio. Tiel la kapitano…

«– Kia kapitano?

«– Jes, la kapitano Gerardo, laŭdire la edzo estas eks-kapitano de la mara infanterio. Nu! Neniam oni vidas lin… Iafoje, kiam oni havas provizojn por deponi en ilian domon, kaj la sinjorino forestas, oni aŭdas lin, kiu krias al vi malantaŭ la pordo lasi ilin sur la sojlo, kaj li atendas, ke vi estu fore por depreni ilin."

«Vi ja imagas, ke mi estis pli kaj pli sciavida. Mi iris al Tulono por pridemandi la administranto-arkitekton, kiu luis la somerdomon al tiuj originaluloj. Li ankaŭ neniam vidis la edzon, sed il sciigis al mi, ke la edzo nomiĝis Gerardo Belvizaĝo. Je tiu nomo, mi eligis krion. Sed mi konis lin! Mi havis malnovan amikon, kiu nomiĝis tiel, kiun mi ne revidis jam de pli da dudek kvin jaroj kaj, kiu oficiro en la kolonia infantario forlasis Tulono-n en tiu epoko, por iri al Tonkino! Kial dubi, ke temis pri li? Ĉiuokaze, mi havis ĉiujn eblajn naturajn kialojn por iri frapi kontraŭ lia pordo, kaj ne pli malfrue ol tiu vespero, kiu estis la datreveno de la stranga nokto, kiam li atendis siajn amikojn, mi estis ja decidita iri manpremi lin.

(daŭrigota)

*Tradukis*

**Noĉjo Lagrafo**

**(Francio)**

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

Eldonas Redakcio de ***Penseo***

Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)

Adreso: No.-3-2 de la 5-a etaĝdomo de No. 19, St. Wujiang, Jiangbei-Distrikto, Chongqing, 400020, Ĉinio

Tel: (023) 67095890 (hejme)

Retadreso: vejdo@163.com

Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.

Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm aŭ http://gazetejo.org/eo/penseo

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_